# ilera
# bulteno n-ro 70

**Redaktis: PY3DF - Februaro 2008**

**Internacia Ligo de Esperantistaj RAdioamatoroj**


NEKROLOGO

## *Tributo al Henriko,F9ED unu el la pioniroj de ILERA*

**Biografiaj notoj – kun la helpo de Renata,F5RC**

La 12-an de julio 2007 forpasis Henri Chaisnot, F9 ED, en la urbo Saint Lambert La Potherie, Francio, kie li laste loĝis.

Henriko gajnis sian unuan voksignon FA9ED en Alĝerio en la jaro 1947.

Reveninte al Francio, li ekloĝis en la urbo Orléans, sed laboris en Parizo. Li studis esperanton dum trajnaj vojaĝoj. La studado de la lingvo fariĝis serioza, kaj dum dimanĉoj matene li ankaŭ vizitadis la e-kurson de S-ro Delaire en la Liceo de Pothier. Jam bona parolanto de la lingvo, li praktikis nun per sia nova voksigno F9ED, ne nur telefonie sed ankaŭ kaj precipe en telegrafio. Lia edzino Monique fariĝis la *dua operatoro* de la stacio.

En 1971 Henriko kaj la familio transloĝiĝis al la pariza regiono, kie li multe aktivis ĉe la radioklubo F6KFA kaj ankaŭ ĉe la kultura centro interlingvistika Rueil-Buzenvald.

En la jaro 1979 Henriko finfine decidis emeritiĝi kaj transloĝiĝis al la regiono de Angers.

Henriko estis senĉesa aktivanto kaj de radioamatoraj kaj de esperantaj grupoj.

Post la fondiĝo de ILERA en 1970, Henriko fariĝis membro n-ro 33. Li ankaŭ respondecis



Henriko, F9ED (SK), *1917 - +2007

pri la kreado kaj aktivado de la radio-klubo F5KSP (Kastelo Grésillon), kaj redaktis la rubrikon *CQ Espéranto* en Radio-REF inter 1965 – 1968.

## ESTRARO

**Prezidanto:** Wolf Krüger,DL1CC
Postfach 7223
15872 Eisenhüttenstadt, GERMANIO
Tel/Fakso: +49 3364 412946
E-poŝto: dl1cc.wolf@gmail.com

**Vicprezidanto:** Hans Welling,DJ4PG
zum Ortenbrink 42
49205 Hasbergen, GERMANIO
Telefono: +49 5405 699 33
Telefakso: +49 5405 699 31
PR: DJ4PG@DBØSM.#nds.deu.eu
E-poŝto: dj4pg@t-online.de

**Sekretario:** Lenio Marobin,PY3DF/GØOOS
60 Tudor Court
King Henry's Walk
London, N1 4NU, BRITIO
Telefono: +44 20 7249 4737
E-poŝto: marobin@marobin.net

**Kasisto:** Ian Mac Dowall,G-SWL
40 Danehurst Road
Wallasey, CH45 3JJ, BRITIO
Telefono: +44 151 6386802
E-poŝto: ILeraianGswL@aol.com
**Konto ĉe UEA:** iler-r

**Sekretario pri Interreto:** David Harris, N6UOW
42326 Gatewood Street
Fremont, CA 94538-4126, USONO
E-poŝto: zonker@esperanto.org

**Hejmpaĝo de ILERA-bultenoj:**
http://ilerabulteno.googlepages.com/ilera-bultenoj

**Hejmpaĝo de ILERA:**
http://esperanto.org/internacia/ILERA/

**Yahoo-grupo:**
http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

TEKNIKA ARTIKOLO

# *Morsa kodo kaj Naciaj Lingvoj*

**Redaktis: Martin Zurn,IK2RMZ**

Post jaroj observante telegrafion (CW) sur la bendoj mi kutimis preskaŭ nur al la uzo de morsa kodo en la amatoraj bendoj.

Unu el la argumentoj por propagandi telegrafion estas tiu, ke nur la kodo permesas al parolantoj de nur unu nacia lingvo fari kontaktojn internacie, kaj ofte oni parolas pri CW kvazaŭ ĝi estus universala *lingvo*. Ĉi tiu ideo havas iom da vero, sed bedaŭrinde CW tute ne estas vera lingvo, kaj ne permesas tro da interŝanĝoj. Vere ekzistas multaj CW mallongigoj, sed ordinara CW operatoro nur konas malmultajn, kaj restas la fakto, ke oni bezonas veran lingvon se oni volas ion komuniki.

Observante la bendojn oni povas konstati, ke vere ekzistas "ritoj" por negoci la lingvon, kiam du telegrafistoj renkontiĝas. Tio estas la unua saluto. Se mi komencas per *GE ES TNX UR CALL* , mi ankaŭ volas diri, ke mi ne volas fari demandojn pri lingvoj, kaj ke mi kontentas je la uzo de la (eble nur bazan sed iomete "universalan") anglan. Se mi komencas kontakton eble per *BSR ET MCI PR AVOIR REPONDU* (kun aŭ sen akĉento), mi ankaŭ volas diri, ke mi kredas, ke la alia stacio parolas la francan, kaj ke mi deziras uzi la francan. Mi uzis la francan nur kiel ekzemplon.

Se alia stacio tamen ne respondas franclingve mi ne scios, kion fari. Mi povus pensi: (a) Mia telegrafio estas malkomprenebla kaj mi faras QSD; (b) Mi sendis tro rapide; (c) La alia stacio ne komprenis pro aliaj motivoj (intermikso, lokaj problemoj); (ĉ) La stacio ne parolas la francan; (d) La stacio ne volas paroli la francan, ĉar eble la operatoro kredas ke mia ebleco paroli la francan estas tro malbona, aŭ eble ĉar la operatoro prefe-

ras praktiki la anglan, ktp.

Multaj el la eblaj kaŭzoj havas iom da negativeco, do mi mem decidis, ke mi ĉiam interpretu la unuan saluton kiel peton de uzo de specifa lingvo. Interese, ke mi preskaŭ neniam aŭskultis la demandon: *Ĉu vi parolas la anglan/hispanan/germanan, ktp?* Same interese multaj ankaŭ ne uzas aŭ ne konas la Q-grupon de mallongigoj por fari demandojn aŭ doni informojn.

Se mi bone komprenis la uzon de tiu rito por negoci la uzon de la lingvo, mi sekve konsilus: (1) Se la alia stacio indikas la deziron uzi vian hejman lingvon (la lingvon, kiu ordinare asociiĝas al la prefikso de la uzanto), tiam respektu la volon. (2) En la komenco de kontakto uzu nur elementojn de lingvo, kiun vi vere parolas. (3) Se vi volas esprimi simpation uzante kelkajn vortojn de fremda lingvo, kiun vi ne parolas, faru ĝin prefere kiam vi adiaŭas. Tio estas bela kutimo. (4) Ne uzu QSO-modelojn de lingvo, kiun vi mem ne parolas. Uzu do nur lingvojn, kiujn vi parolas sufiĉe bone por kompreni ordinarajn demandojn dum kontaktoj.

Mi tamen tute ne deziras malkuraĝigi la uzon de lingvoj, kiujn oni nur supraĵe konas. CW estas bona helpilo por lingvolernado. Oni povas eĉ facile esprimi sin en fremda lingvo tute sen fonetika akĉento. Bonvolu esti helpema kaj akceptu la volon de alia stacio se ĝi uzas vian hejman lingvon. Ankoraŭ pli bele estus se la du kontaktantoj uzus esperanton, sed bedaŭrinde tio okazas tre malofte.

Ĝis la reaŭdo en la bendoj.

*N.R.: Ĉi tiu artikolo aperas en iom modifita formo, ol la originalo.*

*Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la kuranta jaro?*
*Se ne, kontaktu vian Landan Reprezentanton (LR) por informiĝi pri via jara kotizo. Via kotizo estas grava por la subtenado de ILERA.*
*Via LR antaŭdankas vin pro via frua pago!*
*Alternative ĝiru al UEA-konto: iler-a*

HISTORIE

# *Morsa kodo kaj Esperanto- rekolekto de artikoloj iam aperintaj*

**Kompilis: Lenio Marobin,PY3DF**

Post la ricevo de la artikolo de Martin, IK2RMZ, mi konstatis, ke en mia paperteko troviĝis kelkaj flavaj fotokopioj de preskaŭ nelegeblaj originaloj. Tio incitis min re-redakti ilin, kaj korekti kelkajn informojn laŭ la sugestoj de nia forpasinta Henriko,F9ED. La subaj estas remaĉo de originalo aperinta unue en la rondletero de GEPRAF (novembre 1992), kaj poste en *Eventoj* n-ro 106 (julie 1996), fare de László Szilvási, HA-9057, ILERA n-ro 98. La *Enkondukon* mi redaktis.

**Enkonduko**

La uzo de esperanto per drata telegrafio ne estas nova afero. Jam tre frue, en 1892-93, en Rusio oni sendadis telegramojn en esperanto sen malhelpo [1]. La 30-an de decembro 1904 la poŝta administracio donis oficialan permeson sendi telegramojn. En 1906 la gazeto *Boletim Telegráfico* de Brazilo entenis dekreton, laŭ kiu esperanto estis akcepita kiel klara lingvo por telegramoj. En 1924 en la kadro de la Ligo de la Nacioj estis akceptita rezolucio laŭ kiu esperanto estis rekomendita kiel "klara lingvo" en telegrafado. Samjare en Usono, la ARRL (American Radio Relay League) decidis adopti esperanton por internacia komunikado. En 1925 Universala Telegrafa Unio lasis en sia regularo la rekomendon, ke esperanto estas "lingva klara" en telegrafado.

Sendrata telegrafio (radiotelegrafio) en la 1920aj estis ankoraŭ en sia infaneco, kvankam sur grandaj ŝipoj jam troviĝis radiostacio (la fama brita ŝipo *Titanic* havis radiostacion en 1912 kaj sendis SOS-signalon antaŭ ol sinki).

**Morsaj kontaktoj kaj la ĉapelitaj**

Jam de sufiĉe longa tempo esperanta amatoroj kontaktas radiotelegrafie. Plurfoje dum la kontaktoj oni konstatas malsimilajn manierojn morsi la ĉapelitajn literon de nia alfabeto, nome *ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ* kaj *ŭ*.

Verdire, ekde la komenco oni apenaŭ sentis la bezonon de specialaj mors-kodaj signoj por la ĉapelitaj (cirkumfleksaj) literoj pro la *Fundamenta* rekomendo uzi la kombinojn *ch, gh, jh, sh*. La *ŭ* ne reprezentus malfacilecon.

En 1962 kelkaj radioamatoroj, precipe usonaj, cerbumis pri tiu problemo, kaj la britdevena oficiro de la Reĝa Mararmeo Leŭtenanto James McMullen aperigis en la maja numero de la revuo *Esperanto* artikoleton *"Esperanta Morsa Kodo"*. Sekve de tio okazis perletere amika, serioza kaj abunda diskutado, en kiu partoprenis almenaŭ 40 personoj el Germanio, Brazilo, Italio, Portugalio, Svedio, Norvegio, Danio, Nederlando, Finnlando kaj Nov-Zelando.

Kolektis la rimarkojn, proponojn, triopa komitato: S-ro McMullen, W7LLV, Henriko, F9ED, kaj akademiano de la AdE André Albault. Kunlaboris ankaŭ E. Aisberg, F8MD. Okazis ankaŭ interŝanĝo de korespondaĵoj kun ITU, IARU kaj la usona FCC (Federal Communications Commission).

Responde al demandoj de la triopo IARU asertis, ke *"...specialaj morsaj signoj ne estas permesitaj por internacia telekomunikado. Ne multajn aliajn signojn oni antaŭvidas. Se tiaj signoj estus necesaj en iuj lingvoj por "interna" uzado, decidu la naciaj administracioj. La rusa, araba k.a. kodoj estas konstruitaj laŭ nacia bazo kaj ne estas internacie adoptitaj. Sed estas baza postulo, ke amatoraj mesaĝoj prezentu kompreneblan signifon en la lingvoj permesitaj por internacia telegrafia korespondado. Do, la lingvoj devas esti "klaraj" kaj ne havi econ de sekreta lingvo..."*.

Finfine, en marto 1963 la komisiono decidis, ke apartaj esperantaj morsaj signoj estu la jenaj: ĉ [-.-..]; ĝ [--.-.]; ĥ [-.--.]; ĵ [.---.]; ŝ [...-.]; ŭ [..--].

UEA akceptis ilin kaj la 4-an de julio la sekretario de la usona FCC, Ben F. Waple, sub n-ro 7520, skribis al W7LLV: *"This is to advise you that there is no objections to the domestic use of the accented letters indicated in your letter provided that all amateurs transmitting Esperanto by radiotelegraphy use the same characters"*. [Per ĉi tiu informo ni sciigas vin, ke estas nenia malpermeso kontraŭ enlanda uzado de la supersignitaj literoj menciitaj en via letero, kondiĉe ke ĉiuj amatoroj sendante en esperanto per radiotelegrafio uzu la samajn signojn].

Informoj pri tiuj signoj aperis en pluraj revuoj esperantistaj kaj radioteknikaj, precipe en *Toute L'Electronique* kaj *Electronique Industrielle*, eldonitaj de S-ro Aisberg.

Dum pluraj jaroj kelkaj radioamatoroj (inter ili G6DK, G4MR (*N.R.: Nun ĉi tiu voksigno apartenas al Wolf, DL1CC, kiam li restas en Britio*), W2CIL, F8MD, F9ED elprovis la sistemon senprobleme. Tamen, post kelka tempo evidentiĝis eta problemo por morsi la arkaikiĝantan *ĥ*. Fakte, la signo KN [-.--.], kiu estas uzata de kelkaj radioamatoroj, precipe usonaj, kiel; "Respondu la alvokitaj stacioj, la aliaj atendu" nun estas uzata kiel "dua parenteza krampo", la unua estas [-.--.-]. Pro tio, kelkaj rondanoj proponis, ke ni uzu la internacian signon [----], kiu havas 4 malsimilajn sonojn en diversaj latinliteraj lingvoj: *ĥ* en la skota, germana, nederlanda, iuj slavaj; *ĉ* en la angla, hispana; *ĝ* en la franca, portugala, turka; *k* en la itala kaj franca.

Feliĉe, pro la rareco de tiu litero, plej ofte anstataŭita per *k*, ĝia uzado estas tre malofta.

La francaj rondanoj (precipe per paket-radio) nur uzadas la zamenhofan sistemon (*ch, gh, jh, sh, u*) senprobleme, sed kiel Z. mem proponis: se la *h* devas esti elparolata aparte de la *c, g, j, s*, ĝi ricevas antaŭ si apostrofon ( ' ) aŭ streketon: *ses-hora, dek-harmona, senc-hava*. Li ankaŭ proponis *kh* por *ĥ*.

---

[1] *Esperanto en Perspektivo.* Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo. Ulrich Linz kaj Tazio Carlevaro. UEA, 1974. London-Rotterdam. pĝ 363-364.

HISTORIE

# *Nia Konkurso 30-jara 1977 – 2007*

**Redaktis: Hans Welling,DJ4PG**

**En la komenco oni kreis konkurson...**

La konkurso okazis unuafoje en 1977. Mi tiam elsendis inviton per poŝtkartoj al ĉiu konataj esperantistaj radioamatoroj. Partoprenis 50, kaj 24 sendis sian raporton. Unuan rangon atingis Genadij, UW9YE, kiu tiam aktivadis dum pli ol 24 horoj. Li atingis 39 kontaktojn kun 29 stacioj el 13 landoj. Ankaŭ nun klare valoras, se vi aktivadas pli ol eta tempo. Kondiĉoj tiom ŝanĝiĝas, ke ĉiam denove aperas signaloj, kiuj antaŭe ne estis aŭdeblaj.

Miaj kondiĉoj dum la unua konkurso ne estis bonaj. Ĉar mi estis ĵus ŝanĝinta mian loĝlokon, mi ne havis antenon. Kion fari? Mi parkadis mian aŭtomobilon antaŭ la domo, etendis kablon ĝis mia radioĉambro kaj tiel povis uzi la mobilantenon de la aŭtomobilo. Ĝi estis nur 2 metrojn longa, kaj por ŝanĝi la bendon mi devis eksteren kuri kaj reagordi la antenon. Mia rezulto: 24 kontaktoj kun 17 stacioj en 12 landoj. Rekorda jaro estis 1988: partoprenis entute 252 stacioj el 25 landoj, kaj 131 sendis siajn raportojn. Tiam ni produktis vere imponan intermikson.

**La konkurso 2007**

Ĉifoje ni estis en minimumo de la sunmakula periodo, tial la kondiĉoj estis tre malbonaj je la mallongaj ondoj (MO). Tamen la rezultoj estis relative kontentigaj. Sendis siajn rezultojn 26 partoprenantoj. Laŭ la taglibroj senditaj partoprenis entute 65 stacioj. Mi listigis la rezultojn inkluzive de atingitaj stacioj, landoj, bendoj. Kontaktoj per ECHOLINK estis kalkulitaj validaj kiel aparta bendo. Ĉifoje unuafoje mi povas gratuli min mem kiel gajnanto! Tio nur eblis, ĉar mi havis 12 kontaktojn per ECHOLINK inter miaj entute 40. Wolf, DL1CC, atingis 38 poentojn, ĉiujn je mallongaj ondoj. Gratulon ankaŭ!

**Echolink**

En 2004 ni komencis diskuton, ĉu uzi ECHOLINK ankaŭ dum la konkurso. Vidu en nia YAHOO-grupo kaj en IL-bulteno n-ro 67, pĝ. 8. Tiam ne venis iu ajn kontraŭa voĉo. En la YAHOO-grupo mi ripete demandis pri opinioj aŭ proponoj. Nur venis pozitivaj. Dum la konkursoj 2004, 2005 kelkaj partoprenantoj uzis tiun eblecon. Dum la jarkunveno de ILERA en Jokohamo 2007 ni diskutis la aferon kaj voĉdonis. Rezulto estis klara: 17 voĉoj por, unu voĉo kontraŭ. Vidu en IL-bulteno 69, pĝ. 3. Do, por mi ĉio estas klara. La voĉo kontraŭ estis de Lenio, PY3DF. Kontraŭaj voĉoj per letero, e-poŝto ne estis venintaj. Dum la konkurso 2007 ankaŭ Wolf, DL1CC, diris, ke li kontraŭas. La argumentoj ne estas kompreneblaj por mi. Mi telefone klopodis atingi klarigon, sed sen la rezulto.

Mi jen ripetas miajn pensojn. (1) La aktiveco je MO ĝenerale malkreskas. Tio speciale dum la minimumaj periodoj de suna aktiveco ege malpliigas niajn kontaktojn. Por tute ne perdi nian komunikadon perretaj kontaktoj povas helpi. (2) Mi spertis, ke kelkaj amikoj ne plu flegas siajn antenojn. Kelkaj okupiĝas pri aliaj specoj de aktivecoj. (3) Diversaj aliaj specoj de amatoraj aktivecoj certe estas pli, aliaj malpli pure amatoraj. Morso estas la plej tradicia, multaj ĝin estimas plej alte. Nun aperis multaj aliaj specoj: fonio, SSTV, ECHOLINK, paket-radio, Skajpo kaj aliaj. Ŝercemuloj povus pensi ankaŭ pri la telefono kiel medio. Memkompreneble nur sendrataj telefonoj! Ĉar tiuj uzas radio-ondojn. Estis ĝeneralaj diskutoj pri ECHOLINK, ne nur inter ILERA-anoj – kun miksitaj opinioj. (4) Dum la HAM-RADIO-ekspozicio mi prenis la okazon demandi spertulojn pri konkursoj: la *Bavarian Contest Club.* Ili diskutis kaj respondis: "nenio kontraŭ, kial ne?".

(5) En nia germana amatora revuo aperis anonco de QSO-*party* inkluzive ECHOLINK kaj PSK 31. Wolf, DL1CC, atentigis min, ke la jena teksto ne aperis en la rubriko *Konkurso*. Ili skribis: "*... oni povas rigardi tion kiel malplivalidigon de la amatora radio, sed pli grava estas la plivalidigo de amatoroj kiuj ofte praktikas modestan amatoran radion*".

Ni diskutu la temon dum la UK en Roterdamo, kaj antaŭ la UK dum kontaktoj. Skribu!

***Redaktore***

*Mi konfesas, ke mi jam diskutis pri la afero uzi ECHOLINK kiel validan modon dum la konkurso de ILERA. Mia fina kontribuo al la debato rezultigis mian suban pozicion, kiun mi konsideras difinitiva.*

*Estimata Hans,DJ4PG*

*Rilatas al via telefonalvoko de la 3-a de novembro 2007.*

*(1) Demando: Ĉu oni povas ŝanĝi la regulojn de ILERA-konkurso per voĉdonado dum jarkunveno?*

*ENKONDUKO*

*Surbaze de la statutoj de ILERA ĉe mia arkivejo (kopioj de la jaroj 1993 kaj 1999):*

[...]

KONFORME AL SIAJ CELOJ ILERA

a. [...]

b. Organizas konkurson

STRUKTURO DE ILERA

La prezidanto, vicprezidanto(j), sekretario(j), kaj landaj (teritoriaj) reprezentantoj formas la estraron de ILERA [...]

ŜANĜOJ DE LA STATUTO

Ŝanĝojn de la statuto difinas la estraro [...]

*LA JURA SITUACIO*

*(2) La statuto klare difinas, kiu estas ordinara membro, kaj kiu estas membro de la estraro. La estraro estas la suverena decida korpo de ILERA, kaj nur ĝi povas ŝanĝi la statuton. Sekve, nur la estraro, kiel organizanto, povas ŝanĝi la regulojn de la konkurso. Malsamaj personaj interpretadoj de la statuto rezultos senefikaj por ne diri "kontraŭstatutaj". La povo de la estraro estas pli granda, ol la povo de la membraro.*

*KONKLUDO*

*(3) Laŭ la supra rezonado, mi opinias, ke la voĉdonado dum la jarkunveno en Jokohamo 2007 "...*por la uzo de ECHOLINK kiel valida modo por kontaktoj dum nia konkurso...*" estas nun nula, ĉar ĝi kontraŭas la statuton. Ĝi nur estos validigita en la kazo de ekzisto de antaŭa decido de la estraro, kiun oni devos prezenti por kontraŭpledi ĉi tiun argumenton. Subskribis: Lenio Marobin, PY3DF, Sekretario de ILERA.*

**Rezultoj de la Konkurso 2007**

| Voksigno | Poentoj | Stacioj | Landoj | Bendoj | ECHOL |
|---|---|---|---|---|---|
| DJ4PG [1] | 40 | 29 | 15 | 7 | 12 |
| DL1CC [2] | 38 | 22 | 11 | 8 | 0 |
| JA1FXZ | 27 | 14 | 6 | 5 | 11 |
| DK8RE | 21 | 18 | 4 | 5 | 0 |
| DH1BDL | 19 | 8 | 5 | 6 | 0 |
| DP5E | 19 | 16 | 2 | 5 | 0 |
| F5SHE | 16 | 8 | 6 | 4 | 0 |
| JO1JAM | 14 | 6 | 1 | 3 | 0 |
| 7N4FXD | 13 | 6 | 1 | 4 | 1 |
| 7L2RID | 12 | 5 | 1 | 3 | 0 |
| IK2RMZ | 12 | 6 | 5 | 5 | 0 |
| 7K1SBJ | 11 | 4 | 1 | 3 | 0 |
| DL2ROE | 10 | 7 | 4 | 4 | 0 |
| LA8RU | 9 | 9 | 6 | 2 | 4 |
| PT2CA | 6 | 5 | 3 | 2 | 2 |
| RW9YE | 4 | 3 | 3 | 3 | 0 |
| SM5TEY | 4 | 4 | 3 | 2 | 3 |
| 7L4JHL | 4 | 4 | 1 | 1 | 0 |
| DK3SZ | 2 | 2 | 2 | 2 | 0 |
| F5RC | 2 | 2 | 2 | 1 | 0 |
| MØESP | 2 | 2 | 2 | 2 | 0 |

➲

| Voksigno | Poentoj | Stacioj | Landoj | Bendoj | ECHOL |
|---|---|---|---|---|---|
| ➲ | | | | | |
| GØOOS | 1 | 1 | 1 | 1 | 0 |
| DF8TX | 1 | 1 | 1 | 1 | 0 |
| DF5BU | 1 | 1 | 1 | 1 | 0 |
| DL3BCH | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| CE4CK | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |

[1] Kun ECHOLINK (neoficiala kategorio): DJ4PG gajnis.

[2] Sen ECHOLINK: DL1CC gajnis

**Partoprenantoj en la konkurso 2007**

7K1SBJ, 7L2RID, 7L4JHL, 7N4FXD, BA5AA, CE4CK, DC8MW, DFØESP, DF1JSF, DF5BU, DF5VR, DF8TX, DG5BKI, DH1BDL, DJ2HL, DJ4PG, DK3SZ, DK8IOF, DK8RE, DL1AH, DL1CC, DL1JGO, DL2ROE, DL3BCH, DL3UKH, DL7DE, DM3HF, DM4TNF, DM7OKH, DN1EE, DO1BKW, DO1JWZ, DO2IUL, DO2NIC, DP5E, EA3AWG, EI4VAU, F5NQW, F5PTM, F5RC, F5SHE, F6IRY, GØOOS, HA7PW, IK2RMZ, JA1FXZ, JA1YAR, JO1JAM, K7MOK, LA7RHA, LA8RU, LY2FN, MØESP, NV9R, OE2JG, OE9WLJ, PT2CA, PY3ACE, RA3GJT, RW9RA, RZ9WZZ, SM5DAD, SM5TEY, UA4ALI, UA9UHA, UA9YHA, UU4JM, YU4KG.

## SEKRETARIE

**Forpasis**

IL-051 PY7AJB G.P. Sitonio (+15.12.2007)
IL-582 ZL-SWL Frank Swift (+29.12.2007, laŭ la revuo *Esperanto* feb. 2008, pĝ. 35).
IL-213 F-SWL Leon Lentaigne (+05.02.2008)

**Ŝanĝoj**

IL-318 EX8DX (Nun N3GD) Leonid A. Turkadze, 8555 W Irlo Bronson Highway, Kissimmee, FL 34747, e-poŝto n3gd@br.ru

**Korektoj**

La papera versio de bulteno 69 portis du eraretojn, kiuj ne plu ekzistas sur la elektronika versio. Sur pĝ 7, sub la rezultoj de la konkurso, oni devas legi "Gratulojn al Wolf, DFØESP!" anstataŭ DLØESP. Sur pĝ 8, la vidvino de Henriko nomiĝas Monique, kaj ne Brigitte. Pardonpeton!

**Kiel presi la bultenon**

Multaj demandis al mi, kiel presi la bultenon rekte el siaj komputiloj tial ke A4-paĝa formato (la redaktita formato de ĉi tiu paĝo) fariĝu A5-paĝa formato (du presitaj paĝoj sur la sama flanko de la folio).

Mi kompostas la bultenon pere de la redaktilo (*Writer*) de www.openOffice.org kaj ĝi certe mimikas tiun de *Microsoft Word*, kun la granda diferenco, ke *Open Office* estas tute senpaga. La presilo estas *Hewlett Packard Laserjet 1200*. Ne ke tio gravas, sed ja gravas ke via presilo ebligas la presadon en tiu maniero, t.e. du paĝoj sur unu folio (konsultu la manlibron de via presilo ĉu ĝia softvaro tion permesas).

Do, al la laboro!

(1) Malfermu la dokumenton presotan
(2) Elektu [FILE] (la mia estas en la angla, sed sekvu la e-tradukon flanke (ARKIVO). Nova ekraneto aperos.
(3) Nun elektu [PRINT] (Presi)
(4) Estu certa, ke na nomo de via presilo estas ĝuste elektita [DEFAULT PRINTER]
(5) Alklaku [PROPERTIES] (Atributoj)
(6) Elektu [FINISHING] (Maniero presi)
(7) Elektu [2 PAGES PER SHEET] (Du paĝoj per folio).

Nun, via presilo estas duonagordita por la laboro.

La dua ŝtupo estas kalkuli la numeron de paĝoj de la presota dokumento (en ĉi tiu momento vi certe jam finis la tajpadon, kaj certe scias, kiom longa via dokumento estas...).

En la kazo de ĉi tiu bulteno, oni vidas, ke ĝi estas ok paĝojn longa.

Do, la enpaĝigo (presado) de la bulteno devos sekvi la jenan ordon:

(1) Paĝoj 1,8 [REVERSE] (Retropaĝo)
(2) Paĝoj 2,7 [NOT REVERSE] (NE retropaĝo)
(3) Paĝoj 3,6 [REVERSE]
(4) Paĝoj 4,5 [NOT REVERSE]

Tio signifas, ke paĝoj 1 kaj 8 estos presitaj sur la sama flanko de la folio. Se vi faldos la A4-folion en A5-folion (duonigo), vi vidos, ke paĝo 1 estos la unua (!), kaj paĝo 8 estos la lasta (!), eĉ se ili estas presitaj sur la sama flanko. Nun, turnu la saman folion dorsoflanken, kaj presu (2). Poste, prenu novan folion kaj presu (3) kaj (4) en la sama maniero. En la fino, la rezulto estos du folioj presitaj ambaŭflanke (du paĝoj sur ĉiu folio) ke, ĝuste folditaj fariĝos A5-presaĵo el ok paĝoj. Fine, por agordi [REVERSE], surklaku [OPTIONS] (Elektoj) kaj elektu [LEFT PAGES] (Maldekstraj paĝoj) kaj [RIGHT PAGES] (Dekstraj). Sed nur elektu [REVERSE] kiam vi presos la koncernajn paĝojn en tiu formato (supraj ekzemploj) kaj mal-elektu [REVERSE] por paĝoj ne presitaj en tiu formato. Temas pri tute praktika afero. Vi certe mispresos kelkajn paĝojn antaŭ ol kompreni la sistemon. Mi uzas ĝin ĉar mi alkutimiĝis al ĝi dum la tempo, sed certe estas aliaj eble pli facilaj manieroj fari la saman laboron.

**Papera bulteno**

En la pasinta bulteno mi skribis noton kaj reliefigis ĝin per substrekita linio "... la lasta bulteno sendita paperfome..." al Landaj Reprezentantoj (LR). Tre mirinde, neniu petis pri papera bulteno. Tio signifas, ke nun ĉiuj LR havas la eblecon elŝuti la bultenon rekte el la hejmpaĝo de ILERA-bulteno (vidu kolonfonon), kaj presi/fotokopii ĝin por plusendado al siaj landaj aŭ regionaj membroj. Bv. noti, ke la hejmpaĝo por la bulteno sanĝiĝis (vidu kolonfonon). Tio ebligos la stokadon de la bultenoj en maniero laŭ tio, ke ĉiu vizitanto povos elekti la deziratan bultenon. Bedaŭrinde, malnovaj bultenoj ankoraŭ ne estas haveblaj (Nur n-roj 58 k 59 sur la paĝo de ILERA).

# *Tormo, LA8RU ĉe la 21-a Monda Skolta Ĵamboreo en Britio*

Inter la 27a de julio ĝis la 8a de aŭgusto okazis en la brita urbo Chelmsford (apud Londono) la 21a Monda Skolta Ĵamboreo.

La ĉefstacio por amatoroj ĉe la monda kampadejo estis GB100J, kun operatoroj ne nur el Britio sed ankaŭ kelkaj el eksterlando.



Maura, M3URA, kaj Tormo, LA8RU

ILERA-ano Tormo Nordeng, LA8RU, estis la plej veterana partoprenanto. Ĝuste pro tio li kaj Maura, M3URA, la plej juna partoprenanto kun radioamatora licenco estis rajtigitaj tranĉi la torton omaĝe al la centjariĝo de la skolta movado. Mi dankas al Richard Middelkoop, PA3BAR, pro lia ĝentila permeso uzi la foton tiritan el la paĝoj de la Skolta Monda Organizo.

**Wolf, DL1CC, en Britio**

Inter la 2a de majo ĝis la 17a de junio kiel G4MR kaj GM4MR. Kontrolu 14.266kHz.